21a Jaro - No 9 (223) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Septembro 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

### Antaŭ la vintra Sezono.

## Ni preparu nin por la Laboro

Je la momento, kiam tiu ĉi teksto kuŝos antaŭ la okuloj de la leganto, kelkaj ankoraŭ ĝuos lastajn libertempajn ripoztagojn.

Baldaŭ tamen, ankaŭ tiuj ĉi lastaj feliĉuloj rehejmiĝos kaj reprenos la ĉiutagan tutjaran laboron. Eĉ la infanoj devos repreni la kolĉenon.

La malfermo de la lernejoj, estas por la gvidantoj aŭ la propagandistoj de movado, kiu ne povas progresadi sen lernado, ankaŭ la momento, dum kiu ili devos fari la plej grandan klopodon, por altiri la atenton de la amasoj.

Individue ni devos do ,post tre malmultaj tagoj, fari nian grandan emon por venigi multajn lernantojn al la kursoj, kiujn tre certe, en ĉiuj urboj, organizos la diversaj grupoj.

En la grupoj mem ekestos granda laborbezono.

La estraroj devos zorgi, ke, ĉe l'komenco, estu tie paroladisto, por malfermi la kurson kaj profesoro, por ĝin gvidi.

Kaj dume, la komitatoj ankaŭ devos zorgi, por ke tuj kiam tiuj novvarbitoj estas ja kapablaj sekvi kunvenon kaj kompreni paroladiston en nia kara lingvo, ili trovu en nia mezo ne nur amikajn vizaĝojn, sed ankaŭ programon, kiu povos ilin allogi.

La kunmeto de ĉiusemajna interesa programo estas ja malfacila afero. La estraroj, kiuj jam dum jaroj, plenumis tiun taskon, scias, ke tio nur estas ebla, per la kunhelpo de multaj bonvolemaj fortoj.

Ni esperas, ke, precipe en tiu ĉi tempo de ĝenerala apatio kaj malkuraĝo, niaj fidelaj samideanoj, eĉ tiuj, kiuj ĝenerale ŝatas labori nur en la ombro, bonvolos antaŭenveni kaj sin meti je la dispono de la gvidantoj.

Kaj tio memorigas nin, ke post la morto de S-ro Schoofs, dank' al la gravaj donacoj de la belga Esperantistaro, ni povis starigi, krom la monumento, la Pokalon Schoofs, kiun dumtempe konservis la Bruĝa Grupo Esperantista, kaj malgrandan kapitalon « Fondaĵo Schoofs », kiu intertempe ankoraŭ iome kreskis, kaj kies rentmono povas esti uzata por rekompenci iun specialan meriton.

Se tiu rentumo ne estas jam granda, ni tamen kredas, ke ĝi povas sufiĉi por permesi al iu, ĉeesti la Belgan Kongreson kaj ties diversajn festojn, senpage.

Tiu premio povus estis donacata, — ni sugestas, — al tiu membro de « Belga Ligo », kiu ĝis la 1-a de Aprilo proksima, estos alkondukinta al la Ligo (aŭ do, al iu Liga sekcio) la plej grandan nombron da novaj membroj.

Rilate al la pokalo, ĉar la funebra periodo, kiu sekvis la morton de nia granda amiko, estas nun jam forpasinta, ĉiuj grupoj, de nun, povas konkurenci por akiri al si definitive la Pokalon.

Ni memorigas, ke la kondiĉoj por ĝin akiri estis citataj, je la transdono : Ĝi definitive apartenos al la Grupo, kiu gajnos ĝin, ĉu trifoje sinsekve, ĉu kvin jarojn ne-sinsekve.

La Grupoj, kiuj intencas partopreni tiun vetludadon, estos ĝustatempe, t.e. sufiĉe baldaŭ, petataj al kunmeto de malgranda regularo, rilate al la maniero forludi la Pokalon.

La plej bona maniero estus verŝajne, ke ĉiu grupo ludu, dum la vintro, en sia propra urbo, antaŭ juĝantaro kaj ke la premiito rajtu reludi la teatraĵon, dum la nacia Kongreso kaj tuj poste kunpreni la Pokalon .. ĝis la proksima jaro.

Kiel oni vidas, kuŝas jam pano sur la planko !

Maur. JAUMOTTE.

---

### GRAVA FUNEBRO

**Je la vera momento, kiam ni, ĵaŭdon, iom post tagmezo, volis ordoni la finpreson de tiu ĉi numero, ĵus alvenis le kruela novaĵo, ke, dum terura aŭtomobill-akcidento, mortis nia karega Regino Astrid, edzino de nia Honora Prezidanto.**

**Ni, en proksima numero, ankoraŭ haltos, ĉe tiu doloriga evento en nia nacia vivo.**

**Sed ni tamen jam diru, ke ni duoble kruele kunsentas en la nacia funebro, kiel civitanoj belgaj kaj kiel Esperantistoj.**

---

# LITERATURO

## LA DONACO.

1.

Li tiris tirkesteton ;
Knabeto apud li
La poŝhorloĝon vidis :
« Av' donu ĝin al mi ».
« Mi ĝin al vi ja donos
Pro via laborem',
Proksiman jaron eble,
Pro via obeem' ».
« Proksiman jaron », diris
La knab', « sed eble vi,
Pro aĝo kaj malsano,
Ne estos plu kun mi ».
La vortojn nun pripensis
De l' knab' la maljunul'
Dum lia man' karesis
La kapon de l' karul'.
Horloĝon kun la ĉeno
La avo donis lin :
« De via bona patro
Ĝi venas, prenu ĝin ».

2.

La lernantar' ĉirkaŭis
Tombeton, prema scen' !
Kaj fleksis maljunulo
Genuon nun kun pen'
La blankajn harojn liajn
Skuetis la ventet'
Dum de la knab' la ĉerkon
Forprenis la tombet'.
En hejmo, en tirkeston,
Kaj kun ŝirita kor',
Horloĝon metis avo
Rompita pro dolor'.

ROSALIE LOVELING.
*Elflandrigis Jules Alofs.*

## Kiu lerte biciklas?

*(Originala Noveleto)*

Estas preskaŭ la 12a horo de la unua sabato kiun la novaj soldatoj travivas en la kazerno. Jam kvin tutaj, longaj tagoj forpasis ; tagoj kiuj ŝajnis des pli longaj ĉar la novalvenintoj ne povis eliri vespere pro diversaj kialoj kiujn oni cetere ne konigis. Sed nun, post kelkaj minutoj, ĉiuj povos libere disponi pri sia tempo, kaj ili certe rapide kuros al la vagonaroj, por veturi al siaj respektivaj hejmoj. Tamen ili sentas sin iomete nervemaj ; regas iu nekutima, iu pezprema atmosfero. Cetere ĉiuj estas kontentaj kaj jam pensas pri tio kion ili alportos al la kazerno : kelkajn mangaĵojn, ankaŭ monon sed precipe bonan, nevenkeblan humoron ; ĉar ili jam havis ĉiujn eblojn elĉerpi sian provizon, ĉiun oportunon koleriĝi, kaj, antaŭ ĉio, la kapablon konstati ke la kolero neniam bone efikas.

Ĉiuj do senpacience atendas la trumpet-signalon kiu havigos al ĉiuj la forpersemon. Subite la ĉefserĝento eniras kaj rapide la soldatoj enviciĝas antaŭ siaj litoj. La serĝento esplore rigardas, unu post la alia, ĉiujn vizaĝojn kaj abrupte demandas :

— Kiu inter vi bone kapablas bicikli ?

Nenia respondo.

— Ĉu vi ne aŭdas ? Kiu lerte biciklas ?

Kelkaj soldatoj apenaŭ sukcesas reteni la ridon kiu vole-nevole venas al iliaj buŝoj kiam unu el la trupo elviciĝas unu paŝon kaj fiere respondas :

— Mi, serĝento.

La serĝento ankaŭ ridetas kiam li vidas ke la respondo venas el la buŝo de tiu granda palvizaĝa junulo kiu sendube jam pensas pri la ĝuoj de la biciklado.

Ĉiuj okuloj estas fiksitaj sur la « lerta biciklisto ». La soldatoj jam antaŭĝuas la finon, kiun multaj jam konas. Ili antaŭe jam informis unu la alian sed evidente forgesis la junulon kiu cetere ne tro plaĉis al ili. Ĝis nun li lerte sciis eviti ĉiujn punojn kaj li kapablis faldi siajn vestaĵojn tiom perfekte, ke la serĝento neniam ĵetis ilin dise sur la plankon. Sed nun alproksimiĝis la fino de la ŝancoj.

— Do vi kapablas bone bicikli, ĉu ne ?

— Certe, mia serĝento.

— Ĉu vi vidas mian biciklon, tie ekstere ? Ĉiuj rigardas kaŝe la kotkovritan malnovan biciklon de la ĉefserĝento dum la « viktimo » — ŝajne jam preta forveturi — gaje respondas :

— Jes, mia serĝento.

— Nu, purigu ĝin, rapidu, kaj zorgu ke ĉio brilu!

Henri RAYMOND.

---

## PROZO KAJ VERSO.

*S-ro Jourdain.* — Estas necese ke vi faru al mi konfidencon. Mi estas amanta grandkvalitan personon, kaj mi ŝatus ke vi helpu min por skribi ion sur bileto kiun mi volas ĵeti ĉe ŝiajn piedojn.

*La profesoro de la filozofio.* — Bone.

*S-ro Jourdain.* — Ĉu tio estos ĝentila ?

*La profesoro de filozofio.* — Sendube. Ĉu estas versoj kiujn vi volas skribi al ŝi ?

*S-ro Jourdain.* — Ne, ne, neniujn versojn.

*La profesoro de filozofio.* — Vi nur volas prozon?

*S-ro Jourdain.* — Ne, mi volas nek prozon, nek versojn.

*La profesoro de filozofio.* — Estas necese ke tio estu unu aŭ alia.

*S-ro Jourdain.* — Kial ?

*La profesoro de filozofio.* — Tial ke nur ekzistas por sin esprimi prozo kaj versoj, sinjoro.

*S-ro Jourdain.* — Nur ekzistas prozo kaj versoj ?

*La profesoro de filozofio.* — Jes, sinjoro. Ĉio kio ne estas prozo estas verso, kaj ĉio kio ne estas verso estas prozo.

*S-ro Jourdain.* — Kaj kiam oni parolas, kio estas tio ?

*La profesoro de filozofio.* — Prozo.

*S-ro Jourdain.* — Kiel ! kiam mi diras : Nicole, alportu al mi miajn pantoflojn, kaj donu al mi mian dormĉapon, ĉu tio estas prozo ?

*La profesoro de filozofio.* — Jes, sinjoro.

*S-ro Jourdain.* — Ja vere, de pli ol kvardek jaroj mi parolas prozon sen ke mi tion sciu, kaj mi estas al vi tre dankema ĉar vi instruis tion al mi. Mi do volus por ŝi, meti en la bileton: Bela markizino, viaj belaj okuloj igas min mortanta pro amo ; sed mi ŝatus ke tio estu metita belsone, ke tio estu dirita plenĝentile.

*La profesoro de filozofio.* — Metu ke la flamo de ŝiaj okuloj cindrigas vian koron ; ke vi suferas nokte kaj tage por ŝi la perforton de unu...

*S-ro Jourdain.* — Ne, ne, ne, mi ne volas tion. Mi nur volas kion mi diris al vi : Bela markizino, viaj okuloj igas min mortanta pro amo.

*La profesoro de filozofio.* — Estas necese iom pli-longigi la aferon.

*S-ro Jourdain.* — Ne, mi diras ; mi nur volas tiujn solajn parolojn, sed laŭmode parolturnite, bone aranĝite kiel decas. Mi petas vin diri al mi la diversajn manierojn kiujn oni povus meti.

*La profesoro de filozofio.* — Oni povas meti, unue kiel vi diris : Bela markizino, viaj belaj okuloj igas min mortanta pro amo. Aŭ : Pro amo, min mortanta igas, bela markizino, viaj belaj okuloj. Aŭ : Viaj belaj okuloj pro amo igas, bela markizino min mortanta. Aŭ : Mortanta, viaj belaj okuloj, bela markizino, pro amo, min igas. Aŭ : Min igas viaj belaj okuloj mortanta, bela markizino, pro amo.

*S-ro Jourdain.* — Sed el ĉiuj tiuj dirmanieroj, kiu estas la plej bona ?

*La profesoro de filozofio.* — Tiu kiun vi diris : Bela markizino, viaj belaj okuloj igas min mortanta pro amo.

*S-ro Jourdain.* — Tamen mi ne studis, kaj mi faris tion unuaprove. Mi dankas vin tutkore, kaj mi petas vin veni morgaŭ frumatene.

*(La burĝa nobelo II 4)*
Jean Baptiste MOLIERE.
*Esperantigis Léon Ponthir.*

---

# Kuriozaĵo de la Centra Regiono.

Unu el la plej vidindaj kuriozaĵoj de la Centra Regiono estas la ŝiplevigilo alnomita « de La Louvière » sed kiu efektive staras sur la « Houdeng Goegnies »-teritorio.

La tuta Centra loĝantaro konas la agrablegan promenadejon, unu el plej belaj en la regiono, de « La Croyère »-kanalo al « Houdeng ».

Dum la sunaj dimanĉoj de la bela sezono, oni promenas laŭlonge de la kanalo kies bordoj estas plenaj je hirtaj verdaj kanoj kaj kie sur la kvieta akvo mallaboras la nigraj ŝipoj ŝarĝitaj per karbo. Je la ombro de la grandaj poploj, oni alvenas al la limo de la supra kaj malsupra interkluzejoj de la Centra Kanalo. Ni tie vidas la ŝiplevigilon kies konstruado estis finata dum la jaro 1889a.

La grandega maŝino siatempe estis unu el la plej grandaj kaj potencaj en Eŭropo.

Sub komplikita aspekto, la meĥanikismo estas simpla kaj nur funkcias per la aplikado de la elementaj fizikaj principoj. Ni eltiras el la verko de Sinjoro Inĝeniero H. Genard kelkajn detalojn el la priskribo de tiu belega manifestado de la homa genio.

« Tiu ĉi ŝiplevigilo esence konsistas el du moveblaj sasoj elportataj ĉiu per nura hidraŭlika premilo kun la celo transirigi al la ŝipoj flosantaj en du sasoj, niveldiferencon de 15,397 metroj inter du sinsekvaj interkluzejoj de la kanalo. Ambaŭ hidraŭlikaj premiloj de la du sasoj komunikiĝas per tubaro, tiamaniere ke, se unu el la sasoj estas samnivela kun la supra kanalo, la alia estas samnivela kun la malsupra kanalo. Se la unua malsupreniras, la akvo de la premilo de tiu saso pasas en la premilon de la alia saso, devigante tiun ĉi supreniri. Ambaŭ sasoj mezuras 43 metrojn da longo, 5,80 metrojn da larĝo kaj 8,13 metrojn da alto. La grandega piŝto eltenanta ĉiun sason pezas 80 tonelojn kaj entute levas 1048 tonelojn. Ĝia alteco estas je 19,44 metroj kaj ĝia interna diametro je 2,06 metroj. La instalaĵaro de la hidraŭlika maŝinaro estas duobla kaj ĉiu el la du partoj konsistas el unu horizontal-aksa turbino laŭ liber-elvojiĝa tipo « Girard », funkcianta per akvo prenita el la almonta interkluzejo kaj elfluanta en la alvalan interkluzejon. Ĉiu turbino funkciigas du duoblefike kunpremajn pumpilojn kunpremantajn la akvon je kvardek-atmosfera kunpremo en akumulatoron servantan por la duobla instalaĵaro. Ĝenerale, ĉiu instalaĵaro funkcias sole. Ambaŭ turbinoj nur funkcias samtempe, se oni devas suprenlevi sason samnivele kun la supra interkluzejo sen ekvilibri ĝin per la alia.»

Kiel oni vidas, estas la principo de la komunikantaj vazoj, kiu estas aplikita.

« La ŝiplevigilo, daŭrigas Sinjoro Genard, kun la kanala parto, mezuranta 857,72 metrojn, kostis 1.404.979,46 frankojn (antaŭmilita valuto). »

La inaŭguro okazis en la jaro 1888a, do unu jaron antaŭ la tutfinado.

Ĝis en la jaro 1914a, la ŝiplevigilo nur funkciis por la turistoj kaj scivolemuloj. La malsupra interkluzejo « Houdeng-Mons » ne povis laŭdire enteni sian akvaron pro iuj minaj kadukiĝoj.

Dum la milito, Germanoj, pro militaj prudentoj, aktivigis la kanalon laŭ planoj de nia administracio.

De tiam, la ŝiplevigilo ne ĉesis funkciadi kaj multaj scivolemuloj ankoraŭ venas admiri tiun ĉefverkon el la meĥaniko...

Dum la printempaj vesperoj, ĝiaj protektaj ĉirkaŭaĵoj iĝas la rendevuejoj de la geamantoj kiuj, en la ombro de la metalaj traboroj, interŝanĝas eternajn amĵurojn...

*Laŭ franĉa artikolo en la revuo A. Z.*
Ch. FAURE.

# ATENTU!

Okaze de la malfermo de la lernejoj, kaj ĝis la 15a de Oktobro BELGA ESPERANTO-INSTITUTO faros al ĉiuj aĉetantoj SPECIALAN DONACON de BOTELETO KUN INKO POR FONTPLUMO.

Krome, ĉiu aĉetanto de DEKDUO de kiuj ajn objektoj (kajeroj, krajonoj, k.t.p.) ricevos UNU plian senpage.

B.E.I. kapablas liveri, post tre mallonga tempo, kiujn ajn librojn por lernejoj aŭ aliajn objektojn bezonatajn.

# BELGA KRONIKO

## Nova Esperanto-ludo: " Kanjugo ".

Ni atentigas la estrarojn de la diversaj grupoj, pri la apero de nova Esperanta Kartludo, eldonata de la sama brita firmo kiel la Leicon-ludo, kaj kiu permesas, ludante, kunmeti verajn, interesajn krucvortojn.

La kartaro, bele enpakita en skatoleto, estas mendebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto » — Esperanto-Domo, Willemsstr. 21, Antverpeno, je la sama prezo kiel la « Lexicon ».

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 7-an de Septembro: Mitulvespero sur la Valona Kajo. (Informoj en la loka gazetaro kaj telefone: 777.58 aŭ 267.21.)

La 14-an: Starigo de Teatra sekcio. Lexicon- kaj Kanjugoludoj.

La 19-an: Malfermo de la unua vintra kurso, je la 8-a en lernejo: Belgiëlei.

La 21-an: Niaj libertempoj. Rakontadoj de diversaj membroj.

La 28-an: Festeto, okaze de la rekomenco de la vintraj laboroj kaj amuzoj.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde je la 20-a, Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstraat 2, rue des Blanchisseurs.

La 3an de Septembro: a) Legado de Belga Esperantisto; b) Raporto pri la Internacia Kongreso farita de S-ro Groverman. (Prez. S-ro Poupeye.)

La 10-an: Kantvespero sub gvidado de S-ino Gabrielle Poupeye kaj de F-ino Alice Boereboom.

La 17-an: a) Aranĝoj por la vintra laboro; b) Intima babilado. (Prez. F-ino Yvonne Thooris.)

La 24-an: Portretoj kaj Kartludo Lexicon. (Prez. S-ro Guillaume.)

N. B. — La grupa biblioteko estas malfermata ĉiumarde de la 19,30a ĝis la 20-a en la grupa sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » placo Simon Stevin; Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de Esperantajoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: ĉiulunde, je 7-a horo: perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEGO: ĵaŭdon, 12-an de Septembro, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Hotel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN: jaŭdon 5-an kaj 19-an de Septembro, je 7 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La en la urbo restintaj gemembroj regule kaj intime kunvenis ĉiusabate kaj preskaŭ ĉiudimanĉe kune iris al iu parko, dum ili, la lastan dimanĉon, faris ekskurson al Heide, sub bonega gvidado de F-ino J. Morrens.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Multaj gesamideanoj haltadis en nia urbo, inter ili ni plezure akceptis; la 18an julio, ĉeħan samideanon, S-ron Dorak, lian bofraton, Finon Mc Auslan el Londono, S-ron C. Nelson el Dordrecht ;la 28-an, 40 gesamideanojn el la Grupo de Dunkerque ,kiuj rapide vizitis la urbon. Kun la Bruĝanoj ili pasigis agrablan horon en « Cornet d'Or » antaŭ la tro frua foriro, la 29-an F-inon Putto el Arnhem kaj F-ino Mary Crispin el Thrope Bay, la 7-an de Aŭgusto Gesinjorojn Hepton el Hull.

Krom tiuj eksterordinaraj kunvenoj, la membroj de la Bruĝa Grupo regule kunvenis ĉiumarde en Vlissinghe.

La 23-an gaja vespero dank' al Lexicon kartludo.

La 30-an pli serioza kunveno dediĉata al traduko de Gvidfolio pri Bruĝo. F-ino Hellings el Hilversum ĉeestis.

La 6-an de Aŭgusto legado kaj rimarkoj pri B. E., poste intima babilado.

La 13-an kantvespero sub afabla kaj lerta gvidado de S-ino Poupeye kaj F-ino Boereboom.

La 4-an de Aŭgusto delegitaro kune kun la flago partoprenis la sekvantaron organizitan de militkaptitoj. La saman tagon, posttagmeze intergrupa ekskurso al Versenare, kie gesamideanoj el Bruĝo, Ostendo kaj Roeselare estis plej kore akceptataj de F-inoj Verhelst, ili ĝuis la belecon de varma, somera kampara promenado.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — Ĉi tiun ferian monaton ,la grupoj havis la okazon akcepti ĉe siaj kunvenoj kelkajn eksterlandajn samideanojn nome el Utrecht kaj Hull. Tial la programoj estis iom ŝanĝitaj; sed la membroj tamen akiris grandan profiton el la kunsidoj. En Lieĝo speciale, debato pri « la progreso » estigis grandan intereson.

Samtempe la centra komitato preparas la kursojn de venonta vintro. Jam nun ĝi povas anonci, ke en Lieĝo kursoj estos malfermataj en « Cercle Polyglotte » vendredon 20-an de Septembro kaj en lernejo « Hocheporte » mardon 1-an de Oktobro. La kursoj de Chênée, Jemeppe kaj Sclessin ankaŭ estos baldaŭ pretaj.

LA LOUVIERE. — La membroj de la grupo jam vigle preparas la kongreson kreante favoran atmosferon en diversaj medioj de la urbo. Ni speciale citu la belan paroladon faritan antaŭ kelkaj semajnoj de S-ro Jacques en la « Rotary Club du Centre », kiu bonege sukcesis kaj pri kiu detale raportis la lokaj ĵurnaloj.

OOSTDUINKERKE. — Dum la monato de Julio kaj Aŭgusto multaj Esp. belgaj kaj eksterlandaj kunvivis gajajn horojn en la hotelo de S-ro Benoit. S-ro Jaumotte havis la okazon nome de la Ligo bonvenigi kaj adiaŭi la Dunkerk'ajn gesamideanojn, kiuj trapasis irante al Bruĝo.

# LA INTERNACIAJ KONGRESOJ

## Nia XXVIIa okazis en Romo

## 1500 Kongresistoj el 35 Landoj

### SOLENA MALFERMA KUNSIDO.

La malferma kunsido okazis mardon, la 6an de Aŭgusto en la Amfiteatro de la Koncerta Domo.

Je la 11-a h. la oficiala reprezentanto de la ŝtato, vicministro, salutas itallingve la ĉeestantaron kaj deklaras la kongreson malfermita. Interpretinto : Prof. B. Migliorini.

S-ro Malmgren, kiel reprezentanto de la pasintjara Universala Kongreso, proponas por la 27-a la jenan Estraron : hon. prezidanto Markizo generalo Cordero de Montezemolo ; prez. Prof. Stefano La Colla ; vic-prezidantoj Prof. Rinaldo Orengo, Prof. Schamanek (Wien), D-ro Pitlik (Praha), N. Mahruŝ (Fajum), D-ro Couteaux (Paris), Prof. Christaller (Stuttgart), D-ro Loyola (Hispanujo), D-ro Bénard (Budapest), s-ro Baas (Amsterdam), Prof. Bujwid (Krakow).

Tiu propono estas aplaŭde akceptata.

S-ro Stefano La Colla, prezidanto de la Kongreso, faras sian malferman paroladon, en kiu li promesas ke ĉio estas farota por ke ĉiuj estu plene kontentaj. Tradicie li salutas la ĉeestantajn membrojn de la Zamenhofa familio kaj aludas la morton de S-ro Markizo de Beaufront.

Post tio estas la vico de S-ro G-lo Bastien kiu en bela stimula parolado atentigas la ĉeestantojn pri la unuaj principoj kiujn ni, esperantistoj, neniam povas forgesi.

Nun salutas la kongreson, la reprezentanto de la Ligo de Nacioj, de la aŭstria, nederlanda, hungara kaj liĥtenstejna registaroj kaj de la franca ministro de publika instruado.

Fine la vico estas al la filo de Adamo Zamenhof kaj al la naciaj reprezentantoj :

Aŭstrio (kortega konsilanto Steiner), Belgujo (s-ino Staes), Bulgarujo (Kotov), Britujo (s-ino Moxon), Ĉeĥoslovakujo (D-ro Pitlik por ĈAE, kaj s-ro Hub por GEL), Danlando (Windeballe), Egiptujo (Mahruŝ), Estonujo (s-ino Nummelin), Francujo (Petit), Germanujo (T. Jung), Hispanujo (Loyola), Hisp.-Katalunujo (Solá), Hungarujo (Baghy), Japanujo (Prof. Asai), Jugoslavujo (Kozlevĉar), Latvujo (Strazvs), Nederlando (Baart de la Faille), Norvegujo (Ditlevsson), Polujo (Bujwid), Svedujo (Beckman), Svislando (Spielmann), Usono (Hamann).

« La Espero » finas la malferman kunsidon de nia nunjara mondfesto post kiam S-ro La Colla proponis sendi telegramojn al la Papo, al la Reĝo kaj al la Duce. *(Varmaj aplaŭdoj.)*

***La duon-oficialajn informojn pri tiu malferma kunsido ni ĉerpis el la detala raporto de " Heroldo ". En sekvanta numero ni raportos pri la Kongreso mem.***

## Nia XXVIIIa okazos en Vieno !

Ĝojplene ni povas raporti la fakton de S-ro legacia konsilisto Adrian Rotter, okaze de la malferma kunsido de la XXVIIa, en la nomo de la aŭstria registaro, oficiale invitis la esperantistojn de la tuta mondo, organizi sian XXVIIIan en Aŭstrio !

Zorge vere alloga programo estis jam kunmetita pri kiu ni ankoraŭ informos niajn legantojn sed el kiu ni jam ĉerpas jenon, kun la konsilo pri baldaŭa aliĝo :

*Sabate, 8an de Aŭgusto 1936 :*

20.00 SOLENA MALFERMO de la Kongreso en ĉiuj Festsalonegoj de Imperiestra Kastelo.
22.30 Interkonatiĝa Vespero en la samaj salonegoj.

*Dimanĉe, 9an de Aŭgusto 1936 :*

8.30 Katolika Diservo kun Esperantopredikо en fama preĝejo de S-ta Karlo.
10.00 Protestanta Diservo kun Esperanto-prediko.
10.00 Izraelida Diservo kun Esperanto-prediko.
10.00 Kunsido de Komitato de UEA.
12.00 Tagmanĝo.
13.30 EKSKURSO.
20.00 Prezentado en Volksoper de la opereto « LA BLANKA ĈEVALETO », muziko de Ralph Benatzky, teksto de Hans Müller, kantoj Robert Tillberg, esperantigo de Nikolaus Hovorka.

*Lunde, 10an de Aŭgusto 1936 :*

9.00 MALFERMO DE SOMERA UNIVERSITATO sub la titolo « KULTURAJ KAJ EKONOMIAJ PROBLEMOJ DE MEZ-EŬROPO » en Hofburg.
13.30 EKSKURSOJ.

*Marde, 11an de Aŭgusto 1936 :*

9.00 LABORKUNSIDO en Festsalonego de Hofburg.
12.00 Akcepto en la urbdomo flanke de la urbestro.
13.00 Fotografado antaŭ la urbdomo.
13.30 Tagmanĝo.
15.00 Vizito aŭ al la ĉambraro imperiestra en Hofburg aŭ al la imperiestra trezorejo.
16.00 Kunsido de Esperantista Akademio.
16.00 Komitato de UEA.
16.00 Fakaj kunsidoj, ĉiuj en aparta lernejo.
18.30 Vespermanĝo.
20.00 Ekskursoj.

*Merkrede, 12an de Aŭgusto 1936 :*

9.00 SOMERA UNIVERSITATO en Hofburg.
10.00 Fakaj kunsidoj en lernejo.
12.30 INAŬGURO DE ESPERANTO-STRATO.
14.00 Tagmanĝo.
16.00 EKSKURSO.
16.00 Fakaj kunsidoj en lernejo.
19.00 Vespermanĝo.
20.00 « KONFERENCO DE LA VIRINOJ » en festsalonego de Hofburg.

*Ĵaŭde, 13an de Aŭgusto 1936 :*
TUTTAGAJ EKSKURSOJ (Turisma Servo).

*Vendrede, 14an de Aŭgusto 1936 :*
9.00 SOMERA UNIVERSITATO en Hofburg.
13.00 Tagmanĝo.
15.00 EKSKURSOJ. Rondveturado tra Wien per aŭtobusoj.
15.00 Fakaj kunsidoj en lernejo.
15.00 Vizito de la imperiestra ĉambraro aŭ trezorejo de Hofburg.
18.30 Vespermanĝo.
20.30 Kostumbalo sub la devizo « LA KONGRESO DANCAS » en ĉiuj festsalonegoj de Imperiestra Kastelo.

*Sabate, 15an de Aŭgusto 1936 :*
9.30 SOLENA FERMO DE LA KONGRESO en Hofburg.

## Stenografio kaj Esperanto.

Tutprecizaj detaloj pri la orginoj de la stenografarto mankas al ni sed certe estas, ke ĝi ne estas novaĵo.

Oni supozas ke Ksenofono, unu el la disĉiploj de Sokrato, estis la unua kiu uzis certan sistemon. Aliparte oni sukcesis konstati ke la Romanoj jam uzis specon de stenografio. Laŭ unuj estas Cicero (aŭ Kikero) kiu enkondukis ĝin en Romon, laŭ aliaj estas Eniuso. Supozeble Tirono, roma sklavo, poste perfektigis la sistemon, aldonis plurajn novajn signojn, kaj la sistemo estis diskonigata en Romo sub la nomo « tironaj notoj ». Ĝi estis tuj disvastigita kaj multaj jam profesie sin okupis pri ĝi ; tiujn profesiulojn oni nomis « notarii » (tiuj kiuj skribas per notoj)

Ekde tiu tempo, la tironaj notoj estis ofte uzataj por religiaj verkoj kaj tribunalaj oratoraĵoj kaj ili rimarkinde helpis al la disvastigo de kristanaj dogmoj. Tre interesan verkon pri tiuj tironaj notoj eldonis antverpena fame konata filologo J. Grüter.

Ŝajne la stenografio iom post iom estis forgesata; oni ne plu uzis ĝin, ne plu parolis pri ĝi, ĝis kiam, en la VIa jarcento, iu Anglo, T. Bright, publikigis novan sistemon « Characterie », kaj de tiam naskiĝis la diversaj, multegaj sistemoj ,unu post la alia.

Ni tie ĉi ne enlistigos ĉiujn sistemojn ĝis nun aperintajn ; tio ne utilus. Kelkaj inter ili tamen meritas aludon, precipe pro la adaptoj al Esperanto.

La Anglo S. Taylor eldonis en la jaro 1786a sistemon kiu estis tre taŭga por la angla lingvo ; por ĉiuj konsonantoj ĝi havis novajn, bonajn signojn, sed por indiki la vokalojn oni nur uzis, kaj ankoraŭ escepte, punkteton kiu restis ĉiam la sama. En 1791 P. T. Bertin klopodis ĝin adapti al la franca lingvo sed, pro la fakto ke en la franca lingvo la vokaloj por la legado de stenografio estas multe pli necesaj ol en la angla, ĝi tuj montriĝis netaŭga kvankam ĝi sukcesis havigi al si multajn adeptojn.

Oni do devis ekserĉi novan solvon.

Prévost ŝanĝis la sistemon per la aldono de specialaj signoj por la afiksoj kaj certaj oftaj finaĵoj ; poste Delaunay ankoraŭ modifis ĝin kaj la sistemo Prévost-Delaunay baldaŭ iĝis unu el la plej konataj por la franca lingvo.

En 1813 Conen de Prépéan eldonis novan sistemon, modifitan de A. Paris, finitan de L. P Guénin kaj konatan sub la nomo Aimé Paris.

En Anglujo estas la sistemo Pitman kiu venkis, estis adaptata al Esperanto kaj ankaŭ al la nederlanda lingvo.

Originala nederlanda sistemo estas tiu de Groote, ankaŭ adaptita al Esperanto kaj pri kiu siatempe aperis gazeto « La internacia Groote-ano ».

En Germanujo kaj ĉiuj germanlingvaj regionoj havis grandan sukceson la sistemo de Gabelsberger (1834-35) kiu kaŭzis veran revolucion en la stenografiproblemo. Pri ĝia adapto al Esperanto aperis « Internacia Stenografia gazeto Gabelsberger ».

Ankaŭ la sistemo Stolze-Schrey estis adaptata al nia lingvo.

Por montri la lastatempajn uzojn de Esperanto en la stenografio, ni nur parolos pri Intersteno kiu regule uzas nian lingvon kaj eldonas en ĝi du gazetojn « Tutmonda Intersteno » kaj « Multlingva Intersteno ».

Interese estas aldoni ke nova sistemo « Ispografio » (Isp-o) tutspeciale disvastiĝas pere de Esperanto.

Kaj nun kelkaj vortoj pri la sistemo kies adaptoj estas eble la plej interesaj : Duployé-sistemo.

Duployé eldonis sian sistemon ekde 1860 ; ĝi estis vere revelacio por multaj. La flandra adapto de S-ro J. Luyckx havas ĉiujn meritojn kaj la adapto al Esperanto de nia samcelano P. Flageul estas tutsimple bonega.

Tie ĉi ni profitu la okazon gratuli S-ron Flageul pro liaj multegaj klopodoj por nia afero.

Efektive, dank' al li fondiĝis unue la bone konata kaj ankoraŭ regule aperanta gazeto « Fluganta Skribilo » (jam antaŭ 23 jaroj !) kaj en 1923 li iniciatis la fondon de la « Internacia Asocio de la Esperantistaj Stenografistoj » (I.A.E.S.) kiu eldonis la bonegan gazeton « Internacia Stenografisto ».

Nun, dank'al liaj daŭraj klopodoj fondiĝis la « Stenografa Instituto Tutmonda » (S. I. T.).

Tiu instituto celas disvastigi stenografion en la Esperantistaron, kaj Esperanton en ĉiujn stenografajn mediojn. Ĝi troviĝas ankoraŭ en embria stato, la statutoj estas pridiskutataj kaj ni informos niajn legantojn ankoraŭ poste pri la efektivigoj.

La S.I.T. akceptos kiel membrojn ,ankaŭ alisistemanojn, nek disputante, nek diskutante, sed tutsimple pensante pri nia nacia devizo « Unueco donas fortecon ». HENRI SIELENS.

## NEKROLOGO.

Ŝajne la nelacigebla morto pli avide ol iam persekutas nian movadon. Denove du laborantoj por nia ideo forfalis :

TONKO MARDESIC, ĝenerala sekretario de la Jugoslavia Esperanto-Ligo, unu el la plej entuziasmoplenaj gvidantoj, kiu estis ankoraŭ reviglinta nian movadon sur la bordoj de la Adriatiko.

PASTRO MARIANO MOJADO, sekretario de Hispana Esperanto-Asocio, prezidanto de Hispana Esperanto-Instituto. Li speciale distingiĝis per siaj klopodoj sukcesplenaj ĉe la radio kaj per la vasta vortaro hispan-esp-a kaj esp-a-hispana kiun li ĵus estis fininta antaŭ sia morto.

— Lastmomente ni sciiĝas pri la subita morto, post nur unutaga malsano, de la ĉarma edzino de nia samlandano Paul Blaise, la nelacigebla pioniro, nun loĝanta en Londono.

B.E. kaj la tuta belga samideanaro prezentas al li, sian sinceran kunsenton.

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

Sub tiu ĉi rubriko ni regule mencias la interesajn novaĵojn propagandajn kaj movadajn, el la internacia esp-o-gazetaro.

— ESP-O KAJ TEKNIKO. — Dank' al la daŭraj klopodoj de diversaj teknikistoj-esperantistoj, la Internacia Elektroteknika Komisiono (I.E.C.) akceptis Esperanton kaj uzis ĝin jam en sia baldaŭ aperonta vortaro. *(Esperanto-U.E.A.)*

— ESP-O KAJ KOMERCO. — Laŭ nova statistiko, 23 komercaj foiroj, 156 ĉambroj de komerco kaj 43 ĉambroj miksaj voĉdonis favore al Esp-o, en la tempospaco 1922-1935. *(Pola Esperantisto.)*

— ESP-O KAJ FOIROJ. — La specimenfoiroj de Budapeŝto kaj Marseille denove eldonis esp-o-reklamilojn.

— La foiro de Lyon ricevis esperantlingvajn korespondaĵojn el 30 landoj. *(Esperanto. U.E.A.)*

— La foiro de Vieno (Wien) post dekjara interrompo denove eldonis tre belan faldprospekton (8-paĝa) en Esperanto. Ĉiuj legantoj petu ĝin de: Kort. Kons. H. Steiner, Wien I, Neue Burg. *(Aŭstria Esperantisto.)*

— En la foiro de Padova troviĝis lastatempe belan esperantostandon kiu havis grandan sukceson. *(L'Esperanto. Italujo.)*

— ESP-O KAJ FERVOJOJ. — La Nederlandaj fervojoj eldonis belan prospekton.

— En pli ol 60 ĉeĥoslovakaj stacidomoj troviĝas esperantlingvaj tabuloj. *(Pola Esperantisto.)*

— ESP-O KAJ POŜTO. — La Hungara poŝtadministracio decidis denove eldoni serion da ilustritaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto. *(Esperanto U.E.A.)*

— La Aŭstria poŝto eldonas 50 diversajn bild-poŝtkartojn kun esperantoteksto. *(Aŭstria Esperantisto.)*

— ESP-O EN AŬSTRIO. — Atendante kaj preparante nian XXVIIIan en Wien, la kompetentaj samideanoj jam sukcesis eldonigi plurajn gvidilojn. Ĉiuj informoj peteblaj ĉe S-ro H. Steiner.

— NOVAĴO. — Ni kontente diskonigas la aperon de nova fakgazeto kiu certe disvastigos nian lingvon en novan medion. « INTERNACIA VETERINARA REVUO » nomiĝas la nova organo de la ĵusfondita « Universala Veterinara Asocio Esperantista » — 15,5×23 — 8-paĝa+kovrilo. Red.: D-ro med. vet. Georgi pop. Ivanov. Rahovo a/D., Bulgarujo.

— La Generala Direkcio de Svisaj Poŝto kaj Telegrafo eldonis faldprospekton en Esp-o, por varbi vojaĝantojn por siaj aŭtolinioj en la Alpoj.

Havebla senpage ĉe:

Generala Direkcio de Svisaj Poŝto kaj Telegrafo,
Inspektorejo de la Poŝtlinioj — Bern — Svislando.

— La firmo « Norddeutscher Loyd » eldonis sian novan prospekton en Esperanto. Se ni aldonas ke tiu estas la tria en tempospaco de nur kelkaj monatoj, tio certe estas nekontraŭebla pruvo ke Esperanto estas vere « praktike » utila.

— VARNA: la konata bulgara banloko duafoje publike propagandas pere de nia lingvo. La alloga 8-paĝa faldprospekto certe efikos. Estas ankaŭ en tiu urbo ke okazis la Bulgara Esp-o-Kongreso (21-23 Julio).

— LA INTERNACIA FOIRO DE VIENO: La foirokomitato faros duafoje provojn pri la intereso de Esperanto por la mondfoiro. Klopodoj de diverslandaj samideanoj esperebl decidigos ĝin ankaŭ uzi nian lingvon, laŭ la ekzemplo de jam tiom da aliaj.

— LA MAGAZENOJ « GALERIES ET GRAND BAZAR DU BON MARCHE » en Antverpeno montras per afiŝetoj kaj grandaj avizoj ke Esperanto estas uzata. Jen granda propagando; efektive miloj da klientoj ĉiutage vizitas la magazenojn.

— La urbestraro de Saint-Denis decidis starigi daŭran esperantosekcion en la bibliotekon kaj tial la konservatoro kolektas jam de nun ĉian materialon en aŭ pri Esperanto.

La materialo estas sendota al:

« Esperanto-Sekcio de l'Urba Biblioteko »
4, Place de la Légion d'Honneur,
Saint-Denis-via Paris, Francujo.

# Esperanto kaj Radio

DIMANĈE, 1, 8, 15, 22, 29 SEPTEMBRO:

9.00-9.15: Marseille-Provence, 400 m.: Kurso, informoj, literaturo.

9.30-10.00: Lille PTT Nord, 247 m.: Kurso, parolado.

22.40-23.10: Huizen, 301 m. (ĉiun duan dimanĉon). — 8: Wim van Heugten: Pri la nova nederlanda literaturo. — 22ê Call. Preller: La eklezio.

LUNDE, 2, 9, 16, 23, 30 SEPTEMBRO:

Neniu dissendo.

MARDE, 3, 10, 17, 24 SEPTEMBRO:

19.50-200.00: Tallinn, 410 m. Tartu: Informoj.

MERKREDE, 4, 11, 18, 25 SEPTEMBRO:

22.45-22.55: Wien, 507 m. kaj relajsoj. — Laŭ enirinta informo la dissendoj ne okazos 4 kaj 11 sed 18 kaj 25 la sendtempo ŝanĝiĝos eble.

JAŬDE, 5, 12, 19, 26 SEPTEMBRO:

17.40-18.00: Paris PTT, 432 m.: C. Rousseau: Kurso.

VENDREDE, 6, 13, 20, 27 SEPTEMBRO:

19.40-20.00: Nice-Juan-les-Pins, 240 m.: G. Avril: Parolado.

22.00-22.15: Lisboa, 291 m.: S. Carreira: Paroladoj (ĉiun duan vendredon: 13 kaj 27 Sept.).

SABATE, 7, 14, 21, 28 SEPTEMBRO:

16.10-16.20: Tour Eiffel, 206 m.: Turismo.

7: S-ro Koubasov: Angers. — 14: S-ro Archdeacon: Gaunat kaj ĉirkaŭaĵo. — 21: F-ino Paulier: Annecy. — 28: S-ino Le Baccon: Departemento Loire.

18.10-18.25: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Informoj (ĉiun duan sabaton: 7 kaj 21 Sept.).

20.10-20.20: Lyon-la-Loua, 463 m.: Informoj (ĉiun duan sabaton: tagoj nekonataj).

## BIBLIOGRAFIO

DUOPE RICEVITAJN VERKOJN NI RECENZAS,
UNUOPE RICEVITAJN NI NUR MENCIAS.

*JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO: 1935. — 12×16 cm.; 40 pĝ.; eld.: Esperantista Centra Librejo, 11 Rue de Sèvres (6e), Paris; 1935; prezo: 2,— fr. fr.*

La nunjara jarlibro donas, laŭ plaĉa aranĝo, detalojn pri la Statutaro de la L.K. kaj pri la Interna Regularo de la L.K.

Krom la adresaro de la L. K.-anoj, la laŭlingva konsisto de la L.K., kaj la landnomlisto laŭ Zamenhofa sistemo, la broŝuro enhavas, kiel novaĵojn, liston de la normigitaj naciaj diplomoj kaj la Van kaj VIan aldonojn al la Universala Vortaro.

*ESPERANTAJ HISTORIETOJ. I. DE PETER FREY.* —

*Formato: 13,5×19,5; 48 pĝ. lukso blanka papero; broŝurita: prezo: 35 Ned. cend. Eldonis P. Frey, Clausensvej 26, Haderslev. Danlando. — Junio 1935.*

Post la apero de « Unua Legolibro » de D-ro Kabe, ni ne plu vidis multajn librojn tiajn, kiuj povas samtempe servi por amuzi kaj distri, sed antaŭ ĉio, por instrui. « *Esperantaj Historietoj* » *I* estas inda posteulo de tiu konata verko.

La aŭtoro S-ro Frey, kiu ankaŭ estas redaktoro de « Dana Esperantista Gazeto », certe ne troviĝas ĉe sia debuto, kaj klare montras tion, donante al ni tekstojn en altnivela kaj tamen tre simpla stilo, alproksimiĝante tiel, kiel eble plej al la Zamenhofa esprim-maniero.

La verketo tre taŭgas kiel ekzercilo por kursĉeestintoj kiuj ankoraŭ iom hezitas antaŭ la granda literatura amaso; ĝi estas eĉ bonega gvidilo por perfektiga kurso.

Ni plurfoje rimarkis la strangan uzon de « dum kiam » tio devas esti ĉu simple « dum » (ekz. sur pĝ 20, l. 18: dum oni rekondukis...), ĉu simple « kiam » (ekz. sur pĝ. 16, l. 3: jam kiam li kuŝis...); ĉu estanteca adverba participo (ekz. sur pĝ 16. l. 23: li daŭrigis la diktadon, promenante...).

Krom tiu detalo ne troviĝas grandaj eraroj en la libreto, kiu cetere sendube trovos la meritítajn aprobon kaj sukceson.

*PRI PROBLEMO DE INTERNACIIGO DE SCIENCE-TEKNIKA TERMINARO. — Historio-nuna stato-perspektivoj, de E. DREZEN. — Tradukis el la rusa lingvo: A. Samojlenko. — Eld. « Standartgiz » kaj « Ekrelo » Amsterdam kaj Moskvo, 1935. — Broŝurita 84 paĝa, 14,5×22,2 cm. Prezo: nemontrita.*

Jen interesa verko, kiu espereble havos grandajn sekvojn por la apliko de Esp-o en la sciencoj. Ĝi estas raporto verkita de la fama rusa lingvisto Drezen, prezentita al, kaj akceptita de la komisiono por Teknika Terminologio ĉe Sovetunia Akademio de Sciencoj kaj de la Konferenco de ISA (Internacia Asocio de normig-asocioj) en Stockholmo 1934.

Tiuj argumentado kaj rezonado denove montras, kun abunda riĉeco de referencoj, kiamaniere ni klopodu enkonduki ie Esperanton.

Por la esperanto-eldono, kiu estas valora kaj konsilinda propagandilo, Drezen mem verkis postparolon.







Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO. Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.